9a JARO 1912. ★ JUNIO 1912.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(JOH., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## Araboj.

Arabio antikve etendiĝis de Egipto ĝis Eŭfrato; poste la Araboj superis multajn popolojn kaj okupis landojn de la madianidoj, moabidoj, amalecidoj, edomidoj k. t. p. Plie al la kvar filoj de Kam: Kuŝ en Etiopio, Micraim en Egipto, Fut en Tripolitanio kaj Kanaan en Palestino, restas nur la kuŝidoj, la aliajn anstataŭis la Araboj.

Sed se granda estas la lando de la Araboj, ne malpli granda estas ilia historio, kiu komencis de Abrahamo, t. e. almenaŭ du mil jaroj antaŭ Jezu Kristo.

Neniu popolo, escepte hebreoj, povas montri genealogion tiel antikvan kaj tiel veran, nek estis honorita de Dio per promesoj pri posteularo kaj grandeco kiel la Araboj.

Mi esperas vin ne ĝeni prezentante al vi paĝon de la Biblio pri Araboj, tiu-ĉi paĝo povus esti instruiga al ĉiuj Eŭropaj nacioj.

***

Hagar, egipta sklavino de Sara, gravediĝis kaj mokis ŝian Sinjorinon, ĉar ŝi estis sen filoj; pro tio Sara komencis premi ŝin kaj ŝi forkuris dezerton. Anĝelo diris al ŝi:

*Hagar, reiru al via Sinjorino kaj humiliĝu sub ŝiaj manoj; mi multigos vian idaron, tiel ke pro multeco mi ne povos ĝin kalkuli. Jen vi estos graveda, kaj vi naskos filon, kaj vi donos al li la nomon Izmael, kaj li estos homo sovaĝa; lia mano estos kontraŭ ĉiuj; kaj la mano de ĉiuj kontraŭ li, kaj li loĝos antaŭ ĉiuj siaj patroj (Gen. XVI).* Poste Dio repromesis al Abrahamo: *Ankaŭ por Izmael mi aŭdis vin; jen mi benis lin, kaj mi fruktigos lin, kaj mi multigos lin tre forte; dek-du princoj naskiĝos de li, kaj mi devenigos de li grandan popolon* (*Gen. XVII, 20*).

Ismael estis la unua cirkumcidito, sekve la unua, kiu partoprenis al la popolo de Dio per la interligo, kiun Dio starigis kun Abrahamo, kaj al li, se li ne estus sklavido, devis aparteni la patraj benoj; al li la privilegio igi prapatro de l' Mesio; al li la unua rango inter ĉiuj popoloj; rango kiun Abrahamo mem kredis al Izmael apartenonta, kaj kiun Izmael pretendis kiel unuanaskito, kaj pro tio li komencis persekuti Izaakon kaj, por eviti mortdanĝeron, estis de la patro forpelita en la dezerton(Gen. XXI).

Kaj pri tiu-ĉi fakto, diras S-ta Paŭlo (Gal, IX), ni ne forgesu, ke Izmael komencis tiun grandan bataladon de la sklaveco kontraŭ libereco, batalado de la Malnova Testamento kontraŭ la Nova; batalado, kiu finiĝos nur kiam ĉiuj popoloj interpaciĝos en Kristo-Jezuo.

Izmaelon en la dezerto prizorgis anĝelo de Dio; Dio estis kun li kaj li grandiĝis kaj fariĝis arkpafisto, kaj prenis edzinon el la lando Egipta (Gen. XXI), tiel akirante per la patrino kaj per la edzino duoblan rajtheredon sur Egipto.

Izmael naskis dek-du filojn, notindaj Nebajot kaj Kedar (Gen. XXV). Sekve liaj posteuloj estis nomataj, Hagarenoj, Izmaelidoj, Nebateoj, Kedarenoj, Araboj el radikvorto *arab,* kiu signifas *vespera korvo,* ĉu pro ilia koloro, ĉu pro ilia rabemo, ĉu pro ilia prefero sin movi post sunkuŝiĝo kaj nokte. Fine ili estis vokataj Saracenoj el vorto *sarak*, kiu signifas ŝtelegi.

***

Izmael sentis ĉiam en si mem tiun specialan grandecon, kiun Dio al li promesis; neniam li klinis sian flagon antaŭ ia popolo. El bataladoj de la Izraelidoj mi notos nur kelkajn.

Inter rabistoj de Madian venkitaj de Gedeono estis ankaŭ Izmaelidoj (Juĝ. VIII, 21-22). Dum regado de Saŭlo estis venkataj kaj detruataj kelkaj tribuoj de Hagarenoj ĉe Jordano kaj Izraelidoj loĝis sur iliaj kampoj de Galrad(1 Par. V, 10). Al tiu-ĉi batalo sekvis alia pli terura; grandega nombro da Hagarenoj atakis 44.760 Izraelidojn, interligitaj kun aliaj popoloj. Biblio notas, ke la Hebreoj venkis per speciala helpo de Dio. Hagarenoj havis multege da mortintoj, lasis cent mil kaptitojn, perdis 50.000 kamelojn, 250.000 ŝafinojn kaj 2000 azenojn (1Par. V, 18-20).

Poste, per aliaj mllitoj, ili estis duonsubigitaj de Salomono, al kiu ili pagis tributojn (2 Par. IX, 14), kiel ankaŭ al Jozafat (2 Par. XVII, 11). Jeremio minacis al ili la punojn de Dio kaj la dezertigon de Nebukodonozor (XXV, XLIX).

Estas reskribindaj la vortoj de Isaio: „Peza anonco kontraŭ Arabujo: vi dormos vespere en arbaro sur la vojo de Dedanim: vi, loĝantoj, tagmeze iru renkonten portante akvon al la soifantoj; iru renkonten al la forkuranto portante panon, ĉar ili forkuras teruron de la glavoj, terurojn de la glavoj pendantaj, teruroj de la tendita pafarko, teruron de la kruela batalado. Ĉar tiel diras la Sinjoro: ankoraŭ unu jaron, kiel tiu de braklaboristo kaj malaperos la tuta gloro de Kedar, kaj la nombro restonta de ĉiuj fortaj pafarkistoj de Kedar estos malgranda (XXI)."

Venis Nabukodonozor kaj invitis Kedarenojn submetiĝi, sed ili rifuzis (Judit I, 8-11), kontraŭstaris al lia sennombra dezertiganta militistaro, kaj anstataŭ submeti sin, preferis esti dezertigataj kaj morti forte batalante (Judit II, 13).

Araboj subtenis ankaŭ honore bataladojn dum la Makabeaj jarcentoj (1 Mak. V, 25-39; IX. 35; XII, 31; 2 Mak. V, 8). Areto, bopatro de Herodo estis reĝo de Araboj, kaj S-ta Paŭlo mem devis forkuri de la insidoj de liaj sekvuloj (Ag. IX, 2; 2. Kor. XI, 32).

***

De ilia ekekzistado Araboj estis komercistoj de malproksimaj produktoj (Gen. XXXVII; Ezek. XXVII, 21; XXXVII, 13) de ilia komenco marŝadis karovane (Gen. XXXVII, 25); kaj komencis sian vivon aĉetante kaj vendante sian parencon Jozefon (Gen. XXXVII); dum militoj ili estis stelegistoj de la tendkampoj (2 Par. XXXVII; Ezek. XXXVIII, 13), ili amas la ornamojn, kaj ornamis eĉ la kamelojn (Juĝ. VIII, 21-24); amis la belajn tendarojn (Kant. 1, 4; Ps. LXXXII, 7, 8; Is. XIII, 20); ĉiam parencligitaj kun la Idumeoj de Esaŭ al Heredo (Gen. XXVIII).

***

Hagarenoj ricevis religion per Abrahamo kaj ĝin longe konservadis; per la oftaj rilatoj kun Hebreoj kaj per profecioj ilin rigardantaj, konis multajn verojn, ĝis kiam iom post iom enpenetris idolservo. En siaj kredoj estis ili tre konservemaj (Jer. II, 10, 11), konservadis la emon al la patroj: Izmael, kvankam senheredita, kaj forpelita en la dezerto, revenis por enterigi la patron (Gen. XXV, 9). Je predikado kristana multaj konvertiĝis; fine alvenis Mahometo, kiu ilin submetis al eraroj kaj faris ilin barbare grandaj kaj fortaj.

Araba malamo kontraŭ Hebreoj kaj Kristanoj estas religia heredo; malamo deveninta el senheredigo de honoro, esti prapatroj de l' Mesio. Honoro, kiun atendis Izmael kaj poste Esaŭ; tiu-ĉi malamo daŭris ĝis la plenumo de la profecio, kiam ankaŭ Araboj estos vokataj ĝuadi la bonojn de la Redempcio.

Jen kelkaj profecioj pri estonta grandeco kristana kaj civila de la Araboj.

Davido en la Psalmo LXXI reprezentas la Arabajn reĝojn, kiuj portos donacojn al la Savonto, kaj Isaio (XLII, 11, 12) diras, ke kiam mallumoj estos kovrintaj la teron kaj kaligo popolojn, leviĝos kiel suno la Sinjoro kaj oni vidos Lian gloron.

*„Ĝojegu la dezerto kaj ĝiaj urboj, Kedar loĝas en domoj, loĝantoj de Petra kantu laŭdojn, levu vian voĉon de*

*la montpintoj. Ili glorigos la Sinjoron kaj al la insuloj anoncos lian gloron".*

Belega profecio, diras Mons. MARTINI: la kedarenoj aŭ Saracenoj, popolo sovaĝa kaj vaganta, alkutimiĝos al doma vivado, kaj en sama domo t. e. en sama Eklezio kuniĝos kun ĉiuj gentoj, kaj ne kontentaj festeni inter si la gloron de Dio, disportos kaj sciigos ĉiuloken lian laŭdon. Estos tiuj ĉi popoloj, kiuj riĉigos la Eklezion, kaj kreskigos civilizazion kaj fratecon en la mondo. (Ps. LX.)

***

Jam forpasis kvar miljaroj de kiam Izmael bataladas kontraŭ ĉiuj popoloj: kaj se li iafoje estis venkita, neniam li estis kvietigita. Potencaj regnoj leviĝis kaj malaperis; grandaj popoloj kreskadis, regadis kaj estingiĝis, eĉ ilia nomo. Kontraŭe la Araboj ĉiam kreskadis, ĉiam freŝaj je vivo kaj energio; ĉiam fiere konsciencaj de sia granda neestingebla supereco rilate al aliaj gentoj, ĉiam konsciaj de sia granda misio sur tero.

Sekve ni devas pripensi, ke, se hodiaŭ la Eŭropaj nacioj venkos tiun ĉi popolon, ili lin submetos, sed ne kvietigos; *liaj manoj estos ĉiam kontraŭ ĉiuj,* ĝis kiam li daŭras reprezenti bataladon de Malnova Testamento kontraŭ Nova; ĝis kiam sur li regos mallumoj kaj eraroj.

Pastro JACOBO BIANCHINI.

---

# Pri unu Katolika Afero en Germana Imperio.

Estas memkompreneble, ke ĉiu I. K. U. E.-ano havas ne nur rajton, sed ankaŭ devon informi la redakcion de „Espero Katolika" pri ĉiuj katolikaj aferoj tuŝataj aŭ pritraktataj en sia hejmo, lando, nacio. Kaj ju pli konataj estas al li ĉi tiuj aferoj, demandoj, des pli gravaj kaj valoraj estas liaj informoj, sciigoj, des pli volonte kaj plezure publikigos ilin la redaktoro de „Espero Katolika". Do,

se iu I. K. U. E.-ano kuraĝas en sia informa artikolo presota priparoli la katolikajn aferojn okazantajn en fremda lando, en fremda nacio, tiam memkompreneble tuj vekiĝas en kapo de la redaktoro ia suspekto, aŭ almenaŭ ia dubo pri la vereco kaj valoro de tia informo, ĉar la redaktoro tujmomente pensas tiel: „Nu! pri la aferoj okazantaj en tiu lando povas min informi ĝuste kaj trafe *nur la samlandano*, al kiu pli bone estas konataj ĉi tiuj aferoj ol al la fremdlandano, ĉar fremdlandano konas ĉi tiujn aferojn nur pere de siaj naciaj ĵurnaloj, do se li donas informon, donas ĝin sole fundamente de siaj naciaj ĵurnaloj, kiuj ja rilate al tio estas malpli valoraj ol ĵurnaloj eliradantaj en tiu lando, en kiu okazis la supre cititaj aferoj!" Nu! estu tiel! oni povas konsenti tian persuadon ĝenerale, principe! Sed kion oni devas opinii tiaokaze, se en tiu lando, en kiu okazas ia afero Katolika, ne ekzistas informanto por „Espero Katolika"? aŭ se ekzistas, li tamen ne volas alsendi informon aŭ pro tio, ke li ne uzas sufiĉe bone esperantan lingvon, aŭ fine pro tio, ke li pensas kaj opinias tiamaniere: „He! eble iu alia mia samlandano, pli kapabla ol mi, sendos informon kaj sciigon pri ĉi tiu afero, do mi ne bezonas tion fari!" Kaj opiniante tiel, li efektive ne alsendas informon. La afero tamen estas tiel grava, taŭga, konvena, aktuala, ke ĝi postulas esti publikigita en „Espero Katolika". Nu! kion oni devas opinii tiaokaze? Ĉu ne estus pli bone al redakcio (kaj per ĝi al ĉiuj I. K. U. E.-anoj) ricevi ian eĉ malpli detalan — tamen veran — sciigon pri tiu afero de iu fremdlandano, ol ricevi nenian sciigon de la samlandano? Ŝajnas al mi, ke je ĉi tiu demando ne estas malfacile respondi! des pli, se tiu fremdlandano alsendas informon faritan fundamente de la sciigo publikigita en la grava, kaj en vastaj rondoj de sia nacio legata, ĵurnalo, kiu estas fama pro la vereco kaj aŭtentikeco de siaj sciigoj. — Ekz. pri la aferoj pure katolikaj iafoje tre gravaj, okazantaj en imperioj germana kaj rusa[1])

---

[1]) Persekutado de Katolika pastraro gr. freŝdate efektivigita eksigo kaj ekzilo de katolika episkopo Ruszczkiewicz (Ruŝĉkiev.ĉ).

la polaj ĵurnaloj eliradantaj en Galicio (parto de Polujo, apartenanta al aŭstria imperio) anoncas tre gravajn kaj seriozajn sciigojn, kiuj devas nepre esti publikigitaj en la internacia Katolika revuo, kia estas *sole* la „Espero Katolika", sed galicianoj ne sendas informon pri tiuj aferoj al „Espero Katoliko" rezonante, ke tio ne estas ilia afero, ke tio devas esti efektivigita nur de rusaj aŭ germanaj katolikaj esperantistoj. Sed bedaŭrinde ĉi tiuj — kiel mi dirus — „oficialaj" informantoj ne informas „Espero Katolika", ĉu do ankaŭ galiciaj Katolikoj esperantistaj devas ne plenumi ĉi tiun gravan devon? Ŝajnas al mi, ke ne, ĉar pro ĉi tiu ambaŭflanka malplenumo de tiu devo multe perdas la komuna bono de la tuta internacia katolikaro. — Post ĉi tiu supre farita „antaŭparolo", supoze ke la redakcio de „Espero Katolika" ne estas ĝisnun ricevinte iaĥ korespondaĵon de germanaj katolikoj esperantistaj pri la afero ĉi sube de mi priparolita, mi kuraĝas sendi al „Espero Katolika" jenan sciigon: En pola-galicio, katolika kaj grava ĵurnalo nomata „Czas" (Ĉas=Tempo), eliradanta en Krakovo, ni legas la avizon, ke antaŭ kelkaj tagoj okazis grava kaj pasiplena diskuto en germana parlamento pri kaj pro la fakto, ke la bavara registaro proklamis antaŭ nelonge ia malgrandan leĝdisponon je favoro de Jezuitoj, al kiuj — kiel oni scias — estas malpermesite ĝui en Germanujo plenan liberecon, kian ĝuas aliaj monaĥoj. Estas ja konate, ke la germana registaro faris la 5. VII. j. 1872 la leĝdisponon malpermesantan al Jesuitoj plenumi „ĉiujn monaĥajn okupojn", t. e. ke ĉia animzorga agado de Jezuitoj estas malpermesata, esceptinte nur: legado de la nesolena, nekantata meso, primicia meso kaj distribuo de la sanktaj lastaj sakramentoj al malsanuloj. Tiasence interpretadis ĉi tiun leĝdisponon el jaro 1872 la registaroj de ĉiuj regnoj kaj duklandoj apartenantaj al germana imperio. Alisence tamen estas interpretinta ĉi tiun leĝdisponon la bavara registaro, kiu en la reskripto, proklamita la 11. 3. de la kuranta jaro decidis, ke estas permese al Jezuitoj fari ankaŭ la *religiajn konferencojn* t. e. apologiajn prelegojn *en preĝejoj*.

Jen ĝuste ĉi tiu interpreto de la bavara registaro fariĝis la kaŭzo de la bruplena interpelacio kaj de la pasiplena diskuto en la germana parlamento, diskuto, en kiu partoprenis kelkaj elokventaj deputatoj „pro kaj kontraŭ".

Kaj nome: kontraŭ Jezuitoj parolis la germana ŝtata kanceliero BETHMAN-HOLLVEG, la naciaj-liberalistoj D-ro JUNCK kaj OSTMANN. Je favoro de Jezuitoj parolis SPAHN, ano de la „Katolika Centrum", BIOS la socialisto, kaj Fr. MORAVSKi, ano de la pola klubo en germana parlamento. Estas tre rimarkinde, ke eĉ la socialista deputato nome BIOS defendis je nome de sia tuta germana partio la Jezuitojn kaj diris, ke, kvankam Jezuitoj estas la plej obstinaj malamikoj de la socialismo, li tamen kaj tuta lia partio malaprobas kaj kondamnas la tutan kontraŭ-jezuitan leĝon kiel leĝon esceptan, neracian, nekulturan. Kiam ree la nacia-liberalista deputato OSTMANN defendante la kontraŭjezuitan ĝis nun ekzistantan leĝon nomis batalon kontraŭ Jezuitoj la batalo defendanta la justecon kaj kulturon, tiam ekstariĝis la deputato Francisko MORAVSKI polo, kiu je nomo de la tuta pola klubo parlamenta en sia parolado defendinta Jezuitojn diris jene: „La argumentadoj de la antaŭa parolinto estis tre interesaj pro tio, ke oni povas konsideri ilin kiel antaŭdiran antaŭanoncon de la plua batalo nomata „Kulturkampf", kiu estas renovigota.

Tiu partio de la parlamento, kiu en sia frakcia titolo posedas la nomon „liberala", nomon, devenantan el la latina vorta „libertas": libereco, starigas denove postulon, ke la persekutanta leĝo, tutsimple mezperioda leĝo, kvankam aperinta en pli novaj tempoj, estu interpretata ankoraŭ pli severe, ol deziris tion la leĝdonanto mem. Ĉi tiu partio postulas tiucele de la ŝtata kanceliero kaj eĉ de la imperiestro mem, ke ili kontroladu kaj influu je la bavara registaro, kiu estas iom pli tolerema, iom pli liberece agordita. Ĉi tie ekaperas la sama spirito, kiu regadis dum la „Kulturkampf" t. e. la spirito de la neigeco, malamiko de ĉia persona kaj kolektiva libereco. Ni poloj estas la plej bonaj konuloj de ĉi tiu nacia-liberalista spirito, kiu enkondukas la disputojn kaj batalon en la tutan imperion. Ĉi tiu spirito infektas

per la pesto de la netoleremo ankaŭ aliajn germanajn partiojn. Ĉi tiu netoleremo aperas kontraŭ ni poloj ankaŭ iom alie kaj pli severe en ĉiu rilato, kaj sur ĉiu kampo. Pro tio ni poloj estas eble la plej kompetentaj por kontraŭstari kaj kontraŭbatali tian interpretadon de la leĝo, kian deziras la partio de la naciaj-liberalistoj. Ĉi tiun interpretadon oni devas konsideri ne kiel unu apartan atakon, ne kiel esceptan momentan deflankiĝon de la nacia-liberalista partio, sed kiel rezultaton kaj heredaĵon de ĉi tiu esenca „tradicio", kiu estas kaŭzinta jam tiom da disputoj, malpacoj kaj malfeliĉoj. Efektive! verdire! en tio estas io tragedia kaj samtempe ridinda! Jen ni vidas, ke nun en la tempo, kiam ĉia religia aŭtoritato ĉu en privata ĉu en publika vivo estas subfosata (malfortigata), ke ĝuste nuntempe estas mobilizota kontraŭ tiuj, kiuj gardas la religion kaj multe laboras por ĝia disvastiĝo, la sabro de la ĝendarmo!

La ridindeco de l' afero konsistas en tio, ke ĝuste tiuj, kiuj certe pleje timas la influon de la religio t. e. la socialistoj, ke ili tutsimple hontigas la naciajn liberalistojn deklarinte ĵus, ke ili en tiu afero kontraŭ spirito volas batali *nur sole* per la spirita armilo. Miaj opinioj estas pli diferencaj de opinioj dc la socialistoj, ol la opinioj de la naciaj-liberalistoj de la socialistoj, sed mi devas konfesi, ke rilate al ĉi tiu prilibereca demando la socialistoj estas almenaŭ konsekvencaj, postulante la tutan neniigon de la leĝo kontraŭ Jezuitoj. Nia pola klubo ne ekparolas ĉi tie per mia buŝo nur por akcenti, ke ĝi kontraŭstaras la starigitan interpelacion koncerne la bavarregistaran leĝdisponon por Jezuitoj! Ne! tio estus tute superflua, ĉar estas memkompreneble, ke tia partio, al kiu mi havas honoron aparteni, devas konscience voĉdoni kontraŭ tia interpretado de la leĝo. Mi ekparolas nun ĉi tie nur ĉefe pro tio, ke mi loĝas en lando, kie la spirito de la netoleremo, blovanta el partio nacia-liberalista, ekaperis sur la spirita kampo kaj ĉiu alia . . . . .

Ĉi tie estas agate pri la libereco de la spirito ĝenerale kaj pri la civitana libereco speciale. Kaj pro tio mi ankaŭ ripetas la admonon eldiritan de mia antaŭa parolinto: „Cave-

ant consules" Vi gardo vin! Oni ne devas forgesi tion, ke hodiaŭ oni vokas: „For Jezuitaj!" Kiel same vokis hieraŭ t. e. la pasintan jaron la sama partio: „Ekspropiu! ekspropriu!", kaj morgaŭ ĝi voke postulos la alian esceptan, nekulturan maljustan leĝon!" — La sekvinta parolinto deputato GROEBER el „Katolika Centrum" subtenis forte en sia parolado la argumentojn de la deputato MORAVSKI.

Fine la antisemido MUMM esprimis esperon, ke la Asocia Konsilantaro ŝtata (konsistanta el delegitoj de ĉiuj regnoj de la germana imperio) eble iel prospere plenumos la demanditan aferon, kaj je tio oni finis la debatojn.

Mi ree finas ĉi tiun artikolon per vortoj jenaj: „Estu honoro! estu danko! al la honorinda kaj vere progresema bavara registaro, kaj al ĉiuj kuraĝplenaj (defendintoj kaj) defendantaj de la justeco kaj vera libereco, virtoj, kiuj estas la fontoj de la vera kulturo!"

Pastro JOZEFO SZUREK,
Loncrki apud Frisztak. (Galicio-Aŭstrio).

# La Jezuitoj en Germanujo.

La **Protestanta** gazeto *Der Norddeutsche Landesbote* skribis artikolon pri la kontraŭjezuita leĝo en Germanujo.

„Ni, kiel Luteranaj Kristanoj — tiel skribas la gazeto — ne estas amikoj de Jezuitoj. Ni restos ĉiam kontraŭuloj de tiu ordeno kaj kontraŭbatalos ĝin per ĉiuj permesitaj rimedoj ĉie, kie ekzistas konflikto inter ni kaj ili. Alia afero tamen estas, ĉu ni volas kontraŭbatali per *ŝtatdevigo*. Tion ni nepre rifuzas. Ne inda estas al la afero de la Evangelio alvoki la apogon de la polico en la spirita batalo. Estas signo de senpoveco de la Protestantismo, ke ĝi en la batalo kontraŭ la Jezuitoj kiel timema infano sin kaŝas post Patro Ŝtato kaj liaj protektantaj baskoj. Ni ridindigas nin en l'okulo de l' eksterlando, de Angloj, Holandanoj, Amerikanoj, en kies landoj la Jezuitoj posedas plenan liberecon, kaj kiuj ne povas kompreni, pro kio tra nia ga-

zetaro sonoras tiaj timemaj krioj. Ni kantas la kanton: „Forta fortikaĵo estas nia Dio”, sed ni serĉas la apogon de la ŝtato kaj ĝiaj leĝoj. Ni citas la vorton de BISMARCK: „La Germanoj timas Dion kaj neniun alian en la mondo”, sed ni tremas pro 700 Jezuitoj. Kiu estas sincera protestanto, kaj kiu kiel vera kristano fidas je Dio, tiu ne uzas tiajn neindajn rimedojn kiel la kontraŭjezuitan leĝon. Sed ankaŭ kiel „dekstraj” partianoj kaj kiel viroj de libereco, ni devas kondamni tiun-ĉi leĝon. Ĉar ĝi estas maljustaĵo. Al la anarĥistoj, al la socialistoj, al la monistoj, kiuj estas malamikoj de la Kristanismo, sed parte ankaŭ de la ŝtato, estas permesata starigi asociojn, konstrui kunvenejojn kaj disvastigi siajn idealojn; al la 700 Jezuitoj tio estas malpermesata! La Jezuitoj estas la nepraj malamikoj de la Protestanta eklezio, tio estas vera, sed la membroj de la Protestanta asocio estas ankaŭ nepraj malamikoj de la Katolika Eklezio en ĝia nuna formo, do kiel tia la *Centrum*, kiu havas hodiaŭ la plimulton en la Bavara parlamento, povus ankaŭ malpermesi la sekciojn kaj la propagandon de la Protestanta Asocio. La Jezuitoj malhelpas la religian pacon, tre vere, sed ĉu ni devas forpeli ilin pro tio el la lando? Tiam ankaŭ la Protestanta Asocio devus esti forpelata, ĉar ĝi malhelpas ankaŭ la religian pacon, kaj tion ĝi faras eĉ en la Sankta Semajno. Sed la Jezuitoj faris gravajn krimojn. Ĉu vere? Ĉu oni scias tion certe? Tie-ĉi ja sincera vorto devas esti parolata: la maniero, je kiu de protestanta flanko la Jezuitoj ofte estas kontraŭbatalataj, ne estas glorplena paĝo en la historio de la Protestantismo. Pri neniu kontraŭulo oni disvastigis dum la centjaroj tiom da abomenaj malveroj kiel pri la Jezuitoj. Tio devas esti dirita unu fojon en ĉiu sincereco pro la justeco kaj la vereco. La pruvon de tio donas la gravstila libro de la Jezuito DÜHR: „Jezuitaj Krimegoj”. En tiu-ĉi libro la verkisto pruvas sciencmaniere, ke la plej gravaj kulpigoj pri falsa ĵuro, mortigoj, „la celo sanktigas la rimedojn”, estas malveraj kaj li rifutas ankoraŭ multe da aliaj Jezuit-fabeloj. Kiu kiel sincera Protestanto legas tiun-ĉi libron, tiu devas sin honti pro la krudaj malverdiroj, kiu estas dissemitaj

de Protestanta flanko. La plej bonan pruvon tamen, ke DüHR estas prava en sia libro, donas la Protestanta Asocio. Ĉar tiu-ĉi en 1895 publikigis respondon sub la titolo: „Anti-DüHR" kaj ja *anonime* (dum cetere nur la Jezuitoj „laboras en la mallumo"!). Tiu-ĉi respondo havas nur la dudekonan amplekson de la DüHR-a libro, kaj — tio estas la plej principa — ĝi estas por la plej granda parto jesigado de la verko de DüHR. Ĉio, kio „Anonimo" de la Protestanta Asocio malaprobas pri la DüHR-a libro, estas nur flankaj bagateloj. Neniu serioza Protestanta Kristano, kaj precipe neniu Protestanta pastro aŭ parlamentano devus havi rajton paroli pri Jezuitoj, antaŭ ol esti leginta la libron de DüHR kaj la refutadon de la Protestanta Asocio. Ankoraŭ alia scienca libro el Protestantaj rondoj klopodas redoni la ĝustajn proporciojn al la nekredeble difektita bildo de la Jezuitoj. Ĝi estas la libreto de la protestanta teologiisto BÖHMER (aperinta en „Aus Natur und Geisteswelt" M. 1.25). BÖHMER ja estas aprobinto de la kontraŭjezuita leĝo, sed li priskribis la ordenon senpartie kaj sen la malamindaĵoj de la Jezuitmalamantoj. Fine ni nomas ankoraŭ la liberal-protestantan pastron SCHREIBER en Wedlitz, kiu en N-ro 57 de la „Christliche Welt" pruvas la nedefendeblecon de la kontraŭjezuita leĝo. Nuntempe, ĉar eble ventego estas okazonta, estus bone, ke vekiĝu la honorsento kaj veramo de la germana Protestanta popolo kaj ke oni redonu atenton al suprenomitaj sciencaj verkoj." —

Tradukinte supran artikolon de Protestanta gazeto, ni rimarkas kun la *Köln. Volksz.*: „Ni volas deteni nin pri kontraŭrimarkoj, kiujn ni povus fari pri kelkaj eldiroj de tiu-ĉi artikolo; la artikolo entute meritas plenan atenton en Protestantaj rondoj, por kiuj ĝi estas skribita",

D-ro SMULDERS.

# Opinio de Protestanta Sciencisto pri la Jezuitoj.

La konata Germana sciencisto D-ro Victor NAUMANN skribis antaŭ nelonge libron, titolitan „*Der Jezuitismus*". Sian juĝon pri la Jezuitordeno tiu ĉi sciencisto resumas jene:

„Mi ne havas tiujn vivprincipojn; mi do ne estas principa amiko de la Jezuitordeno, ankoraŭ malpli de ĝia labormetodo. Tio ĉi tamen ne detenis min de tio, admiri la grandecon de pensado, la potencon de plenumado, la sentimecon kaj konsekvencon en la batalado. Tio ĉi ne detenis min de tio, rekoni la honestecon de konvinkiĝo de la Jezuitoj. Tamen por alveni al tiu rezultato, mi devis transmarŝi montojn da mensogoj, da falsaĵoj kaj da hontindaĵoj tra jarcentoj. Mi klopodis esti ĉiam objektiva. Mi kredas ankaŭ esti prijuĝinta juste la grandajn kaj honestajn kontraŭulojn de la ordeno, kiel CHEMNITZ kaj PASCAL.

„Sed mia malŝatego rigardas la friponojn, la fontfalsantojn, kiuj de post jarcentoj kaj ja ankoraŭ hodiaŭ okupas sin pri tio, proponi honestajn kontraŭulojn, konvinkitajn, piajn, kuraĝajn batalantojn kiel netaŭgulojn, hipokritulojn kaj mensogistojn, kaj kiuj efektivigas, ke nia popolo abomenas ilin, per kio oni malebligas la konfesan pacon".

Nu, tiu ĉi juĝo provizore sufiĉu por la Jezuitmalamantoj!

D-ro S.

# Trafa Vangofrapo.

Sub gvidado de malreputaciaj relegimalamantoj kiel HAECKEL, OSTWALD k. a. antaŭ nelonge en Germanujo estis starigita asocio, celante okazigi amas-foriro el la diversaj eklezioj. La asocio ja rajte havas la nomon „Konfessionslos" (senkonfesa, senreligia).

La secretario do tiu ĉi asocio, Otto LEHMANN-RUSSBÜLDT, bontrovis skribi la sekvantan leteron al la katolika apologiisto D-ro MEFFERT en M. Gladbach.

De tiu ĉi letero kaj de la respondo de D-ro MEFFERT ni donas tie ĉi kiel eble plej laŭliteran tradukon.

Schmagdendorf, Berlin, 11 Aprilo 1912.

Al la Centra Komitato de la Katolika Popolunuiĝo (Volksverein) por Germanujo. M. Gladbach.

Por Sinjoro D-ro MEFFERT.

Je l' intereso de la grupo, al kiu mi apartenas, mi intence en tiel nomita anarĥista gazeto „*Der Pionier*" skribis artikolon, titolitan: „La rezultatoj de la *Reichstag*-elektoj por la liberpensula movado." Per tiu ĉi artikolo mi celis publikan militdeklaron al l' adreso de la organizita klerikalismo de la Roma Eklezio kaj sendis tiun artikolon al multaj parlementanoj.

En la artikolo la relikvo-honorado kaj la doktrino pri la „transsubstanciacio" (t. e. la doktrino, ke en la S. Meso la pano kaj vino ŝanĝas en la korpo kaj sango de Kristo. Red.) estas nomita laŭvorte: treege trompŝtela komerco. Al mi estas konate, ke en Februaro librovendisto en Köln estis kondamnita je unu monato da malliberejpuno pro blasfemo, tial ke ankaŭ li nomis la relikvo-honoradon: trompŝtela komerco. Tiun kondamnon mi opinias esti eraro kaj pro tio mi ripetas tiun ĉi aserton esperante, ke oni ankaŭ min kulpigu. Tio — kiome mi scias — oni ĝisnun ne ankoraŭ farîs. Plue mi volas atentigi pri tio, ke la eldonisto de „Der Pionier", S-ro Carl THIEME, la 24 Dec. 1911 estis kondamnita je naŭ monatoj da malliberejpuno, kvankam la juĝejestro postulis nur sep monatojn. Carl THIEME represis Kristnaskpredikon de la German-Amerika poeto Robert REITZEL, en kiu Jezu-Kristo estas nomata neleĝa ido. Per tio oni ne celis ofendon, la prediko finiĝis per apoteozo de soci-etikaj sentoj. En la organo de la komitato „Konfessionslos" mi uzis antaŭ unu jaro la saman esprimon kaj alsendis ĝin al iu pastro, tamen kulpigo ne estis farita.

Mi faris nun tiujn ĉi atakojn en iu anarĥista gazeto, por tiumaniere devigi al juĝdecido pri la demando, kiom profunde ni ankoraŭ enestas en la mezcentjaroj. Mi ne estas membro de iu politika partio kaj presigis artikolojn ne nur en „Der Pionier", sed ankaŭ en „Der Turmer", „Der Grenzbote" kaj aliaj revuoj.

Kiam nu, pro tiuj ĉi publikaj kaj rektaj atakoj, la batalo ne estas akceptata laŭ la sole ebla maniero, tiam mi publikigos ankaŭ tiun ĉi leteron kaj lasos al la prijuĝo de la publika opinio la respondon pri la demando, kial la Roma Eklezio en tiu ĉi okazo ne akceptas la batalon.

Otto LEHMANN-RUSSBÜLDT.

Al tiu ĉi letero D-ro MEFFERT respondis jene:

M. Gladbach, 14 Aprilo 1912.

Al S-ro Otto LEHMANN-RUSSBÜLDT,
Schmargendorf-Berlin.

Responde al via nemodesta skribaĵo mi rimarkas jenajn:

1-e. Vi eraris pri la adreso. Kiam vi volas esti punita kaj do sentas mem, ke vi faris ion, kio fakte estas punebla, tiam vi devas turni vin al oficisto de la juĝejo. Eble vi trovos unu, kiu volas fari al vi plezuron kaj havigi al vi malmultekostan reklamon.

2-e. Kiam vi evidente havas tian plezuron en insultado de la religia konvinko de aliaj homoj (civilizitaj homoj ne faras tion), tiam ni ne volas ĝeni vian plezuron. Vi tamen permesos al mi, sciigi al vi kuriozan okazon.

Kiam mi recevis vian leteron, mi ĵus komencis legi en la libro de MÖBIUS pri NIETSCHE; kaj tio, kion mi legis sur paĝo 68 pri la mokoj kaj blasfemoj de NIETSCHE kontraŭ la kristana religio, pruvis, ke ekzistas ankoraŭ en Germanujo homoj, kiuj eldiris sian indigniĝon pri la hodiaŭa insultado de la Kristanismo kaj de la Katolika Religio.

3-e. Vi memorigas ankoraŭ pri tio, kion vi publikigis ĝis nun. Pri tio mi kviete povas lasi la juĝon al la publika opinio. Certe ne estas reklamo por viaj specialaj sciado kaj karaktero, ke la liberala Protestanta Gazeto nomas: edukado al senkaraktereco, vian konsilon al ne ankoraŭ

oficdonitaj oficistoj, atendi ĝis akiro de certigita ofico, antaŭ ol eliri el la eklezio.

4-e. Kiam vi plue paradas je via sciado kaj en la artikolo en „Der Pionier" skribas, ke „laŭ la klaraj konkludoj de la historiaj esploradoj de la lastaj jardekoj" la kistana doktrino pri la enkarniĝo de Kristo montriĝis esti „sensencaĵo", tiam vi nur pruvas per tio, ke via juĝo pri la historiaj esploradoj de la lastaj jardekoj kaj pri ilia signifo por la religihistorio, havas eĉ ne la plej malgrandan valeron. Vi do antaŭe volu konatiĝi je la konkludoj de tiuj historiaj esploradoj kaj — tio estas ne malpli grave — vi antaŭe volu funde pristudi la teologian sciencon pri tiu afero. Por tio tamen estas necese iom pli da scio ol la legado de la *Welträtsel* (Mondenigmoj) de HÄCKEL kaj de la *Babel-Bibel-paroladoj* de DELITSCH. Kaj kiam vi aldonus al tiu studo ankoraŭ grandan amon al vero, tiam vi baldaŭ rekonos, ke primokoj kaj insultoj sur tiu ĉi kampo estas la praktikoj nur de homoj, kiuj sur scienca kampo lamiras.

Fine vi eldiras la teruran minacon, de vi publikigos vian leteron kaj evidente vi opinias, ke vi tiel farus heroan agon.

Mi tamen ja volas diri al vi, ke tio neniel estas tiel, kaj ke mi mem publikigos vian skribaĵon. Kaj kredu min: ĉiu katolika leganto estos danka al mi por la gajaj momentoj, kiujn mi havigas al li per tiu legaĵo.

Tia dokumento de la kulturo en la komenco de la XX-a jarcento en Schmargendorf devas daŭre esti konservata por estontaj historiistoj.

Fine mi sentas la bezonon prezenti mian koran kondolencon al la Komitato „Konfessionslos" pro via kunlaboro."

D-ro MEFFERT.

Estas dezirinda, ke S-ro LEHMANN-RUSSBÜLDT kune kun sia skribaĵo ankaŭ publikigu la respondon de D-ro MEFFERT, pro ke ĝi estu konigata al la sampartianoj de tiu sinjoro.

(Tradukita el *De Voorhoede.)* D-ro SMULDERS.

# Esperanto-Movado.

## La Organiza Demando.

En E. K. Majo 1912 (N-ro 85) p. 189 mi skribis en la rubriko „**Bibliografio**" jenajn:

*Kiel nin organizi? Studo kaj propono pri la Organizo de la Esperanto-Movado,* de H. HODLER, direktoro de U. E. A. 1912. — Universala Esperantia-librejo; 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo). Prezo 10 Sd. — Jen demando, kiu maltrankvilas multajn spiritojn. Ĉu la solvo de S-ro HODLER estas la plej ĝusta? Ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas laŭ la intenco de nia kara Majstro ZAMENHOF. Tiu-ĉi, al kiu Esperanto estas la plej kara, kiu pleje deziras ĝian bonfarton kaj sukceson, formetu en tiu-ĉi grava demando sian tro grandan modestecon, kaj kiel eble plej baldaŭ, laŭ plej nepridubebla maniero sciigu, unue ĉu li nepre deziradas la tutmondan organizadon de la Esperantistaro; se jes, due kiamaniere li deziras ĝin, kaj kiamaniere li ne deziras ĝin. La klare esprimata deziro de nia Majstro, lasante ĉiujn liberaj por decidi, donos al la *plimultego,* kiuj komprenas tute nenion pri la organiza demando kvankam de ili dependos la definitivan decidon, almenaŭ plej fidindan vojmontrilon, por ke oni ne deflankiĝu de la vojoj kiuj nur povas konduki al la alsopirita celo: tutmonda organizo sendanĝera por nia movado mem.

Eble la oficiala organo de la VIII-a Kongreso, *Pola Esperantisto,* povus peti nian Majstron, konigi lian deziron pere de ĝi?

D-ro SMULDERS.

Kontraŭ tiu rimarko oni . . . . . . . energie protestis!! Tuj post ricevo de tiu protesto mi kviete relegis mian artikoleton, por malkovri mian krimon. Sed post relego mi des pli miris pro la emfaza protesto . . . . kaj plue por la unua fojo mi *klare* ekvidis tion, kion ĝis nun mi nur malklare supozis. Fariĝis lumo antaŭ miaj okuloj kaj mi komprenis multe da tio, kion mi antaŭe senpripense preteriris.

Antaŭe mallonga resumeto pri la demando pri tutmonda organizo de la Esperanto-movado. Ĉiam ekzistis Esperantistoj, kiuj deziris ĝin. Inter tiuj kompreneble nia praktika saĝa Majstro ZAMENHOF, kiu esperis, ke la Unua

Kongreso Universala en Boulogne (1905) efektivigu ĝin. Sed tiutempe *(kiel ankaŭ nuntempe)* kelkaj personoj regis en Esperantujo; ili tro timis, ke tiu tutmonda organizo malgrandigus iliajn influon kaj potencon; kaj do ili malebligis (neriparebla eraro!!) la starigon de internacia organizaĵo; inter ili estis la ĉefo: la perfida DE BEAUFRONT, pli poste kreinto de la Ido-movado. Ankaŭ en Barcelono (V Kongreso, 1909) oni malebligis la internacian organizadon. — Antaŭ „La Sepa" en Antverpeno (1911) D-ro Zamenhof mem faris „proponon pri la organizo de niaj kongresoj", kiu propono, principe aprobita de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, aperis en la *Oficiala Gazeto* N-ro 30 (Febr. 1911) kun „Aldono al la Regularo de la Universalaj Kongresoj de Esperanto." En *Of. Gaz.* N-ro 34 (Junio 1911) oni povas legi diversajn sciindaĵojn rilate al la historio de la organiza demando. — En sia malferma parolado en Antverpeno nia Majstro diris i. a.:

Karaj amikoj! Mi staras hodiaŭ antaŭ vi ne esperinte. Ĉar dum la lasta tempo la stato de mia sano estis tro malbona, mi decidis ne veturi al la kongreso en ĉi tiu jaro. Tamen en la lasta momento mi devis ŝanĝi mian decidon, ĉar mi rimarkis, ke la projekto, kiun mi prezentis por diskutado dum la sepa kongreso, ne de ĉiuj estas ĝuste komprenita kaj eble bezonos klarigojn de mia flanko. Tial ne miru, ke mi ne prepariĝis paroli antaŭ vi pri ia speciala temo, sed mi tuŝos nur per nemultaj vortoj tiun demandon, kies pridiskutadon dum la kongreso mi proponis al vi. Mi ne antaŭvenos vian decidon por aŭ kontraŭ la diskutota projekto, mi volas nur diri kelkajn ĝeneralajn vortojn, por instigi vin bone kaj senpartie prepariĝi por la venontaj diskutoj.

Ekzistas en nia afero demandoj, kiuj povas esti solvataj ne de iu aparta persono, ne de iu aparta nacia asocio, ne de iu aparta institucio, sed nur de la tuta Esperantistaro; ekzemple la demandoj pri nia Lingva Komitato, Konstanta Kongresa Komitato, k. t. p. Se iu volas fari simple konsilajn proponojn al la estroj de la diritaj institucioj, li povas prezenti siajn proponojn al la estroj de la dirita institucioj; sed se oni faras plendojn, se oni postulas reorganizon, anstataŭigon aŭ eĉ forigon de tiuj institucioj, — tiam al kiu oni devas sin turni? Aŭ se aperas iaj demandoj, kiuj koncernas la tutan Esperantistaron, sed apartenas nek al la Lingva Komitato, nek al la Komitato de la Kongresoj, — tiam kiu havas la rajton ilin solvi?

En sia privata Esperantista vivo ĉiu persono aŭ grupo aŭ asocio estas kompreneble tute liberaj kaj povas agi, kiel ili volas kaj povoscias; sed pri ĉiuj demandoj, duboj aŭ entreprenoj, kiuj koncernas la *tutan* esperantan aferon, estas nepre necese, ke ni havu la eblon ĉiam scii la veran opinion aŭ deziron de la tuta Esperantistaro. Esperanto ne estas ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke ĉiu povu nur tiri el ĝi profiton, ne zorgante pri la bonstato de la afero mem: ni devas kaj dum longa tempo ankoraŭ devos propagandi ĝin, kreskigi ĝin, defendi ĝin kontraŭ malamikoj; sed se ni ne havas la eblon regule interkonsiliĝadi, aŭ se niaj interkonsiliĝoj, farataj ne en orda parlamenta maniero, ne havos moralan valoron por la Esperantistoj, ni similos organismon sen kapo kaj sen manoj, ni nenion povos entrepreni, ni staros senmove kaj malpacos inter ni mem.

Mi ne volas, en la nuna momento, defendi la projekton, pri kiu vi en la plej proksimaj tagoj diskutos: tre povas esti, ke la projekto havas gravajn erarojn, kiujn via pridiskutado forigos; tre povas esti, ke la tuta projekto montriĝos neakceptinda, kaj tiam — vi scias tion tre bone — mi ne penos altrudi ĝin al vi, kiel mi neniam ion al vi altrudis. Nur pri unu afero mi kore vin petas: kion ajn vi decidos, — ni ne fermu nian kongreson antaŭ ol ni, en tia aŭ alia formo, faros ian aranĝon, kiu donos al ni la eblon, almenaŭ unu fojon en jaro, solvi ĉiujn kolektiĝintajn disputojn aŭ dubojn en lojala interkonsento kaj konforme al la vera deziro de la tuta Esperantistaro.

La aranĝo de regula kaj rajtigita kongresa voĉdonado, kiun mi proponis al vi, aŭ ia alia simila aranĝo, kiu eble rezultos el via diskutado, ne estos ia nova institucio kaj per si mem ne ŝanĝos la iradon de nia afero; sed ĝi donos al ni la forton de ordo kaj de solidareco. La institucioj, kiujn ni kreis, aŭ eble ankoraŭ kreos, ĉesos havi la karakteron de ia privataĵo, kiun neniu subtenas kaj multaj atakas. Ili havos rajton diri al la Esperantistaro: se ni estas bonaj, respektu nin kaj subtenu nin; se ni estas malbonaj, reorganizu nin aŭ forigu nin. Ĉiu esperantisto scios, al kiu plej alta instanco li devas sin turni, se tio aŭ alia en la komun-esperantistaj aferoj ne plaĉas al li, kaj oni ĉesos konstante sin turnadi al mi, kiu hodiaŭ vivas kaj morgaŭ povas ne vivi, kaj kiu cetere havas nek deziron solvi ĉiujn disputojn propradecide.

Ni komencu nian feston kaj ankaŭ niajn laborojn, al kiuj ni dediĉu nian plenan atenton kaj senpartiecon. Se el niaj laboroj rezultos la enkonduko de preciza ordo en nian aferon, tiam la kongreso Antverpena estos unu el la plej gravaj inter niaj kongresoj.

Tion ni esperu. Ĉiu el ni havu la firman decidon helpi per ĉiuj fortoj al la enkonduko de ordo kaj forigo de ĉiu malpaco en nia afero. Kun tiu firma kaj solena decido en la koro ni kriu: vivu, kresku kaj floru nia afero!

L.-L. ZAMENHOF.

Oni scias, ke la propono de D-ro Zamenhof pli malpli ŝanĝita post diskutado estis akceptita de „La Sepa, kaj ke estis elektita „Komision pri ĝenerala organizaĵo" laŭ jena decido de la Rajtigitaj Deligitoj:

La Rajtigitaj Delegitoj de la Esperantistaj propagandaj Societoj, konvikitaj ke estus dezirindaj:

I. Ĝenerala organizaĵo por doni firman bazon al la Oficialaj jam ekzistantaj Institucioj, nome la Konstanta Komitato de la Kongresoj la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, la Esperantista Centra Oficejo kaj ĝiaj oficialaj organoj, kaj por ilin subteni kaj interligi;

2. Unuiĝo de la naciaj esperantistaj societoj (propono 8-a de la tagordo).

3. Amikaj kaj efikaj interrilatoj inter la propagandaj kaj la specialaj, fakaj aŭ aplikaj societoj, kiel ekzemple la Universala Esperanto-Asocio.

Decidas, ke ili elektas komision por studi la tutan demandon kaj prezenti, dum la Oka Kongreso, al la Delegitoj, planon por efektivigo de tiuj deziroj.

Tiu plano devos esti publikigita en *Oficiala Gazeto* kaj konigita al la Delegitoj almenaŭ tri monatojn antaŭ tiu Kongreso.

La anoj de tiu Komisio estas S-roj BOURLET, CART, ĈEFEĈ, VON FRENCKEL, HODLER, KANDT, MICHAUX, MUDIE, MYBS, REED, ROLLET DE L'ISLE, PEROGORDO, PUJULA, SCHMID, SEBERT, VAN DER BIEST, WARDEN.

Post „La Sepa" kelkaj Esperantistoj, t. e. tiuj, kiuj estras societojn aŭ redaktas gazetojn, donis al la mondo spektaklon, kiu naŭzigis la Esperantistaron kaj ridindigis en la okuloj de ne-esperantistoj nian movadon. Kiam mi nur atentigas pri tiuj, kiuj nepre ne volas kaj forte kontraŭstaras la *internacian* organizadon de nia movado (kvankam ĝi esence ne povas esti ne internacia, ĉar ĝia lingvo kaj agado havas nur sencon, kiel estante internaciaj), tiam oni ekvidas, kiom infanece, neserioze kaj nekompreneble ŝajnos tiu agmaniero en l' okuloj de ne-esperantistoj; ni vivas en la XX-a jarcento, la jarcento de la internaciismo,

en kiu ĉio sin organizadas internacie kaj internacie kunlaboras, eĉ tio, kio ŝajnas havi nenian internacian karakteron. Kaj la afero plejege internacia, la Esperanto-movado, devus resti ĉiam sen ia internacia organizano! — Ne helpas, ke kelkaj aldonas, ke ne jam havas la U. E. A. Ĉar la internacia organizaĵo de U. E. A. ne estas la internacia organizaĵo de la Esperanto-movado. La celo de U. E. A. kaj la celo de la Esp. mov. estas tute diferencaj. Ni do ne havas tutmondan organizon de la Esperanto-movado, nek U. E. A. povas tiu esti se ne U. E. A. ĉesu ekzistadi kaj fariĝu tute alia afero.

Pro la senripoza agado kaj skribado de kelkaj esperantistoj, hodiaŭ la tuta organiza demando estas unu ĥaoso, unu tute senorda amaso da individuaj opinioj.

La Esperantistaro silenta kaj leganta malŝatas la Esperantistojn kriantajn kaj skribantajn, kiuj kreis tiun staton de aferoj, kiu povus esti idealo por anarĥista ŝtato.

Kiel membro de la *Holanda Societo Esperantista „La Estonto estas Nia"* mi estas interesata pri la mandato, donota al la Nederlanda delegito por „La Oka" en Krakovo. Jen kion mi legis en *La Holanda Pioniro*, Majo 1912:

## Al la Kongreso en Krakovo.

Estis kamparano, kiu devis trapasi riveregon, tial ke li posedis bonegan remboaton. Li eniris en ĝi kaj prenis la remilojn, kiuj estis bonaj kaj fortaj. Li ĵus estis forpuŝonta la boaton kiam li ekpensis: „Se mi havus masteton kun velon, la trapasado estus por mi pli agrabla." Li ree surteriĝis, lasis senpripense siajn fidelajn remilojn, kaj ekserĉis materialon por fari masteton kaj velon. Sed la afero ne estis tiel simpla ol li pensis kaj daŭris longtempe antaŭ ol li trovis la necesan materialon.

Fine li revenis al sia boato. La plej bona parto de la tago forpasis kaj li ne plu trovis siajn fidelajn remilojn, kiuj estis forprenitaj de la fluo, ĉar li tre malzorge lasis ilin. Ne grave! Li pensis: „nun mi ja havos velaĵon". Nerveme li laboris. Kaj kiam li fine forpuŝis la boaton de la bordo, la suno estis subiranta. Sed ho ve! La velŝnuroj ne estis sufiĉe fortaj, ili rompiĝis kaj ree rompiĝis, kaj riparinte ilin, li ne havis la necesan atenton je la direktado, kaj rimarkis ke la boato turniĝis kvazaŭ ebriulo. Li ĵus retrovis la bonan direkton, kiam la velaĵo rompiĝis tiel grave ke ĝi ne plu

estis riparebla. Nerveme, li ekremis per la manoj, sed baldaŭ haltis por pugnobati sian frunton, dirinte veraĵon pli granda ol la tuta rivero!

Li diris: „Idioto, idiotego mi estas!" . . . . .

— — — — — — — — — — — — — — —

Karaj gesamideanoj! Komparu, mi petas.

*La fidela remilaro estas U. E. A.*

En Krakovo oni intencas fari *masteton kun velon* en la formo de nova *monda organizo!*

Legu la broŝuron pri tiu temo de S-ro HODLER, kaj juĝu kun malvarma kapo!

Laŭ la propono de U. E. A. ni povas gardi nian fidelan remilaron kaj tamen fari taŭgan velaĵon. Tiel estu!

Vi elektis min kiel delegito por Krakovo.

Bone! Sed pritraktu la demandon en viaj grupoj, por ke mi diri en Krakovo: „Jen la opinio de la Nederlanda Esperantistaro!"

P. J. VERMAAS.

## Respondo ĉe la artikolo de S-ro P. J. VERMAAS.

Mi konsideras kiel mian devon ion aldoni kontraŭ la tendenco de tiu ĉi artikolo. Vere estas pretendo, ke nur U. E. A. estas la solo fidinda solvo de la grava problemo pri internacia organizado de l'Esperantistaro. Mi ankaŭ rimarkas, ke ĝis nun en tiu ĉi organo la diskutado pri I. O. ne ankoraŭ estis malfermata, estus do tro unuflanka, se la Nederlanda Esperantistaro decidus nur pro la supra artikolo.

La problemo estas jena:

La Esperantistaro internacia, kies esenca celado ja estas la alproksimigon inter la popoloj, ĝis nun, pro imaginataj antaŭjuĝoj, forgesis meti la unuan paŝon sur la bona vojo, la devizo de nia tempo: internacia organizado. Oni unuiĝis loke, regione, province, nacie, sed haltis por la lasta, tamen plej necesa paŝo. Tio estas nepardonebla negliĝemo. Nun, post kelkjara movado en la favoro de nia ideo de I. O. (D-ro ZAMENHOF mem apartenis jam antaŭ la unua kongreso, 1905, Boulogne-sur-Mer, inter la personoj, kiuj komprenis la grandan utilecon kaj necesecon de I. O. por la fina venko de nia ideo) la problemo nun tiel urĝe altrudas sin, ke oni neplu povas ĝin sufoki, kiel kelkaj kriegistoj ĝis nun klopodis. Aliflanke jam ekzistas la per-Esperanta organizaĵo U. E. A., kies gvidistaro timas konkuradon pro la kreota organizaĵo. Tiu timo tute ne estas motivebla, ĉar ni deziras por-Esperantan organizaĵon (t. e. organizaĵo,

kiu internacie sin okupos pri la subtenado de niaj institucioj, propagando kaj riprezentado ĉe registaroj, internaciaj institucioj kaj kongresoj k.c.) dum U. E. A. estas per-Esperanta organizaĵo (t. e. organizaĵo, kiu aplikas aŭ uzas Esperanton por siaj celoj kaj servoj), Se oni do nepre volus, ke la internacia organizaĵo venu sub la tegmento de U. E. A. tiu lasta devus esti tute reformata, ĉar U. A. E. sin bazas sur la societa membreco (centralista), dum la internacia organizaĵo sin bazas sur la societa membreco (aŭtonomia). Cetere, eĉ se U. E. A. volus sin reformi, oni permesu ankaŭ al ni havi timon. Ni rajtas timi ke la tuta movado favore de U. E. A. kiel centro de l' I. O., nur sekrete celas abortigi la tutan problemon.

Oni pardonu mian longan respondon, sed la nuna numero estas la lasta numero, kiu aperas sufiĉe frue antaŭ la Junia kunveno, en kiu la decido pri I. O. devos esti efektivigata. Kaj mi mem urĝe petegas tiun kunvenon, ke por tiu ĉi speciala okazo ne la kunveno, sed nia tuta membraro decidu, laŭ art. 18 de niaj statutoj. La problemo estas sufiĉe grava, por ke ni donu al nia delegito por Krakovo precizan mandaton. Laŭ mia opinio, nia membraro devas decidi pri du punktoj: Unue ĉu oni deziras, ke la Esperantistaj propagandaj societoj estu internacie organizataj; due, ĉu la I. O. devas efektiviĝi en U. E. A. aŭ ekster ĝi.

J. L. BRUIJN.

---

Mi gratulas la lertan novan redaktoron de „*La Holanda Pioniro*", la konatan samideanon J. L. BRUYN, por la bonega maniero, je kiu li prezentas la veran karakteron de la tute difektita organiza demando. Tre klare kaj objektive li proponis la aferon. Tre rimarkindaj estas la vortoj: „Ni rajtas timi, ke la tuta movado rilate al U. E. A. kiel „centro de l' I. O., nur celas abortigi la tutan problemon."

S-ro BRUYN, kvankam tre kompetenta Esperantisto, ĝisnun silentis. Ni supozas, ke la silentantoj simple havas nenion por diri, t. e., ke ili akceptas la antaŭ kaj dum „La Sepa" en Antverpeno akceptitajn aranĝojn. — La nesilentaj, la senĉese artikolegskribantaj sinjoroj estas ĝenerale la opozicio, kiu, kiel ĉiu opozicio, eĉ plej malgranda, ordinare parolas la plej multe (oni nur nombru en la ŝtatgazetoj la paĝojn okupitajn de la paroladoj en parlamentoj; opozicia partio, ekzistanta el kelkaj personoj, ofte parolas

pli ol cento de aliaj parlamentanoj); ili klopodas perforte altrudi sian opinion, kontraŭan al la propono de D-ro ZAMENHOF, al la deziresprimoj kaj decidoj de „La Sepa"; ili konfuzigas tiel la tutan demandon. Fakte la demando estas plej simpla: ĉiu afero bezonas organizon; internacia afero internacian organizon; la organizo ĝisnuna de la Esperanto-movado estas nur nacia kaj regiona; tiuj ekzistantaj asocioj interligiĝu laŭ definita plano, kaj jen la internacia organizo ekzistas.

La plimultego silentanta kompreneble deziras tiun laŭnaturan organizon; sed kelkaj nepre ne volas internacian organizon; kelkaj volas kiel bazon aŭ centron, ne la naciajn kaj regionajn asociojn, sed la U. E. A.

***

Ni nun priokupu nin pli speciale pri mia recenzeto de la libreto de S-ro HODLER kaj pri la protesto kiun ĝi okazigis. Ĉar tiu protesto estis al mi sendita „private", mi ne nomos la protestanton; tamen por ke oni ne faru neĝustajn konkludojn, mi antaŭe deklaras, ke protektis nek S-ro HODLER, nek iu estrarano de U. E. A., sed alia „eminentulo."

1-e mi diris: „Ĉu la solvo de S-ro HODLER estas la plej ĝusta? Ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas laŭ la intenco de nia kara Majstro ZAMENHOF."

Jen mia unua krimo. Mi kuraĝas pridubi ĉu U. E. A. estas la vera solvo de la demando, kaj do opinii alie ol mia kritikanto!

Mi antaŭrimarkas unue, ke mi kiel admiranto de U. E. A. estas tute senpartia persono. Mi ĉiam alte ŝatis kaj ŝatas U. E. A. De post kiam mi estas redaktoro de E. K., mi presigis en ĝi ofte laŭdegojn pri U. E. A. (Vidu E. K. Okt. 1912, p. 214 kaj 258; Jan. 1911 p. 13 kaj p. 48, kie la prezidanto de I. K. U. E. skribis: „Se U. E. A. sukcesos, Esperanto sukcesos, se U. E. A. devus fali, nia movado eble dum longaj jaroj faros nenian progreson. Mi diras tion, por ke vi komprenu, ke mi estas kore kaj anime ligita al U. E. A." Aprilo p. 110, k. t. p.). Ni do tre-

ege ŝatas U. E. A. kaj rekonas ĝian grandegan valoron. Sed ni pro tio ne opinias, ke ĝi valoras por esti ĉio! i.a, por esti la bazo de la internacia organizo de la Esperanto-movado.

Mi antaŭrimarkas due, ke oni erare pensas, ke starigo de internacia organizaĵo malutilus al U. E. A. aŭ eĉ ruinigus ĝin! Kiam oni legas tiajn asertojn, oni preskaŭ ne povas ne suspekti pri neseriozeco. Ĉu vere la iom-post-ioma starigo de naciaj kaj regionaj propagandaj societoj malutilis aŭ ruinigis U. E. A.? Male, post kiam ili sufiĉe laboris kaj kreis ĉiam pli grandan rondon da Esperantistoj, fine kampo estis preparita por la konstruo de U. E. A., kiu kiel praktika, *pera* organizaĵo bezonas certan kvanton da praktikantaj Esperantistoj. Kaj ĉu nun tiuj samaj naciaj kaj regionaj asocioj pro tio, ke ili internacie sin interligas kaj organizas, subite fariĝus danĝeraj por U. E. A.? Ĉu ne la internacia propagando — precipe la vasta oficiala propagando ĉe registaroj kaj neesperantistaj internaciaj institucioj k. t. p. — povas enirigi novajn vojojn, kaj la internacia kunlaborado plifortigi, plidisvastigi kaj pliseriozigi la Esperanto-movadon? Ĉu la Esp. mov. per tio ne akiros novajn sukcesojn, neeblajn sen internacia organizo? Kaj ĉu U. E. A., kiu precipe sin bazas sur la sukceso de la Esperanto-movado, sur la nombro da agemaj Esperantistoj, sur rondoj almenaŭ favoraj al Esperanto, ne per tio treege kreskus kaj disvastiĝus?

Mi antaŭrimarkas trie, ke U. E. A. bedaŭrinde estas uzata lasttempe de *ambiciaj* personoj por malebligi internacian organizon, per kiu ĉiu nacio kaj regiono kun egalaj rajtoj kaj devoj povos kunlabori, kaj per kiu ĉie estos malhelpata arbitra agado de privataj influoriĉaj personoj. U. E. A. estas uzata de personoj, kiuj pro *personaj antipatioj* volas kontraŭbatali la ideojn kaj laborojn de meritplenaj Esperantistoj. U. E. A. fariĝis la ludpilko de falsaj amikoj, kiuj ne pro simpatio, sed pro propra intereso karesas ĝin kaj enirigas ĝin neĝustajn vojojn. Ho! ke U.E.A. restu tia, kia ĝi devus esti laŭ sia programo, laŭ siaj statutoj; kia ĝi estis en la komenco. Ke ĝi estu si mem! kaj

ne enmiksu sin en la naŭziga batalo de ambiciuloj kaj reĝetoj, kiuj de post longe malkreditigas la tutan movadon kaj kies interbatalado, deveninta ne el amo al Esperanto, sed el persona malamo kaj antipatio, destinas la sorton de Esperanto. Kiom suspekte estas ekz. jeno, kion mi ie legis: „Pri la internacia organizado necese estas, ke ni „montru klare per agoj kaj ne nur per diroj, ke ni ne „volas starigi — ke ni ne permesas, ke oni starigu — ian „internacian registaron, kiun devos obei la naciaj societoj." La vero estas, ke la nuna „registaro", kiu estras arbitre Esperantujon, timas la internacian organizon, kiu finigos ilian reĝetludon; ĉar **ne** kreiĝos „internacia registaro, kiun devos obei la naciaj societoj", sed kreiĝos internacia ligo de la naciaj societoj, kiujn devos obei la laŭregulare kaj oficiale elektitaj Esperanto-kondukantoj. La sin mem elektintaj aŭtokrataj Esperanto-reĝoj estos detronigitaj; ili jam tro longe regigis arbitrecon, personecon, antipatiojn kaj simpatiojn, malutilante al la afero Esperanto mem. — Same tre suspekte estas: „Se, anstataŭ ekzameni la nunajn es- „perantajn problemojn *en ili mem*, ni ĉiam demandas nur „ĉu iu aŭ alia solvo plaĉos al iu aŭ alia, eĉ plej grava „eminentulo, pli saĝe estus, tuj forlasi ĉiun propagandon, „ĉiun esperon, ĉar baldaŭ nia afero perdiĝos en la marĉon „de iu ĝenerala, malpreciza, absoluta, „sentimentala" bon- „animeco, kiu ĉion aprobas, ĉion laŭdas, ĉion akceptas „kaj sistime fermas la okulojn antaŭ plej gravaj eraroj de „eminentaj *amikoj*, ĉar „bonaj estis kaj estas iliaj intencoj"!" — Kiu estas tiu *„eĉ plej grava eminentulo"*, ĉiu facile povas diveni. Ĉar oni tre bone scias, ke oni kontraŭstaras la opinion de la „plej grava Esperanto-eminentulo", pro tio oni volas perforte silentigi lin aŭ, se li parolus, antaŭe senvalorigi kaj seninfluigi liajn vortojn kaj antaŭe kulpigi pri „sentimentala" bonanimeco tiujn, kiuj aŭskultas serioze la vortojn ne de „amiko", sed de *plej kompetenta* en Esperanto-aferoj persono. — Tiajn rimedojn oni uzas por triumfigi proprajn opiniojn . . . . kaj U. E. A., flatita de tiuj malbonintencaj ambiciuloj, lasas sin uzi por eklipsigi „ec la plej gravan eminentulon", kaj por ebligi ŝteliran

kaj kontrabandan enkondukon de falsitaj Esperanto-komercaĵoj.

Post tiuj-ĉi antaŭrimarkoj mi ripetas mian unuan krimon: „Ĉu la solvo de S-ro HODLER estas la plej ĝusta? „Ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas laŭ la intenco de nia kara „Majstro ZAMENHOF" (kiun oni ne rajtas eklipsigi en ĉi tiu demando, ĉar li mem estas la iniciatinto de tiu ĉi organiza demando, kaj lia propono estas principe akceptita de la Rajtigitaj Deligitoj de „La Sepa").

Vere U. E. A. ne povas esti la bazo de internacia organizo de la Esperanto-movado, t. e. de la movado, kiu celas la propagandon, disvastigon kaj oficialigon tra la tuta mondo de la internacia lingvo Esperanto.

Kiam oni tralegas la statutojn de U. E. A., tuj montriĝas, ke ĝi havas nenion komunan kun la Esperanto-movado krom tio, ke ĝi ankaŭ uzas Esperanton, sed nur kaj ekskluzive por praktikaj interrilatoj inter diverslingvanoj. La sama organizaĵo povus ekzisti sen Esperanto, kaj plenumi sian celon inter personoj, kiuj uzas ekz. la francan lingvon kiel rimedon por internaciaj interrilatoj; ĝi povus elekti tra la tuta mondo delegitojn, kiuj uzas oficiale la francan lingvon kaj faras la samajn servojn, kiujn U. E. A. nun faras per la Esperanta lingvo. Unuvorte Esperanto estas *nur* rimedo de U. E. A.; al la ĉefkaraktero de U. E. A. nenio sanĝiĝus, se la rimedo estus alia lingvo; ĝia esenco kaj celo estus la samaj.

Sed imagu la Esperanto-movadon sen Esperanto! Tio estas tute neeble. Esperanto tie-ĉi ne estas rimedo sed unika celo. La tasko de la Esperanto-movado ne estas uzi Esperanton, sed konigi kaj uzigi ĝin; ne estas varbi pretajn Esperantistojn (kiel U. E. A.), sed neesperantistojn kaj ne malpli kontraŭesperantistojn. — Mi rekomendas al ĉiu Esperantisto, fariĝi Esperantiano; kaj tamen, oni povas esti neniam Esperantiano, neniam uzi la servojn de U. E. A., kaj spite tio esti bonega Esperantisto, fortika apogo de la Esperanto-movado, iu, kiu per sia propagando varbas tutan nacion, registaron kaj enloĝantaron, al Esperanto.

La Esperanto-movado estas do io tute alia kiel U. E. A., ĝi havas do tute aliajn esencon kaj celon kiel U. E. A. Estas vere, ke U. E. A. havas rilaton al la Esp. mov., ĉar ĝi devenis el ĝi kiel ĉiuj internaciaj aplikaj asocioj, kiuj uzas Esperanton; ke ĝi estas kunligita kun la Esp. mov. pro tio, ke ĝiaj anoj plejofte estas samtempe propagandistoj de la Esperanto-movado; sed spite tio, ĝi kiel tia staras ekster la Esperanto-movado, ĝiaj rilatoj estas ne esencaj, sed akcidentaj; estas neeble, ke ĝi estu solida konforma bazo de la Esp. mov. Kaj kiam oni tamen volus altrudi U. E. A. kun ĝiaj tute aliaj celo, esenco kaj deveno, kiel la internacian organizaĵon de la Esp. mov., tiam oni devus aŭ neneigi kaj malaperigi ĝin por fari ĝin konforma, aŭ oni trompas la Esperantistaron, kaj la timo de S-ro BRUYN, ke oni volas abortigi la tutan demandon, estas plene motivita.

La Esp. mov. ĝis nun ne estas *internacie* organizita pro grava eraro de miopuloj kaj pro kontraŭstaro de ambiciaj Esperanto-superregantoj, aŭ — senkulpigante ĉiujn, oni povus ankaŭ diri — pro tio, ke ĝi ne ankoraŭ sufiĉe evoluciis; tamen internacia organizo apartenas al la Esp. mov. same kiel apartenas al homo piediri, paroli k. t. p.; novenaskito ne estas malpli homo ol plenkreskulo, kvankam laŭ la evolucio korpa kaj anima, li iom post iom lernas piediri, paroli, rezoni k. t. p.

Ni nun sekvu la evolucion de la Esperanto-Movado de post ĝia naskiĝo. Ĝi naskiĝis, kiam D-ro ZAMENHOF eldonis sian faman unuan broŝuran la 2-an de Junio 1887. Tie ĉi kaj tie **kelkaj disaj Esperantistoj** iom post iom varbis novajn anojn kaj starigis **lokajn grupojn,** poste el tiuj ĉi formiĝis **provincaj grupoj,** fine **regionaj kaj naciaj societoj.** Tio repetiĝis ĉiam denove en aliaj landoj kaj nuntempe **en ĉiuj civilizitaj landoj** ekzistas tiaj regionaj kaj naciaj grupoj. La junulo kreskis prospere kaj donis de tempo al tempo jam malpli aŭ pli valorajn pruvojn de genieco: ni nomu nur lian ĝisnunan ĉefverkon, la U. E. A., kiu akiris la admiron de ĉiuj. Tamen la junulo, kiu naskiĝis kun internacia sango en siaj vejnoj, ĉiam kreskis, li

iom posi iom fariĝas viro kaj jam sentas bezonojn de viro, de plenkreskulo: siaj regionaj kaj naciaj vestoj ekfariĝis tro mallarĝaj, la aspekto de la plenkreska junulo en tiaj vestoj estas iom ridinda, li bezonas **la internacian organizon,** nature elkreskantan el la regionaj kaj naciaj societoj, kiel tiuj elkreskis el la provincaj kaj lokaj grupoj kaj tiuj ĉi el apartaj Esperantistoj. Tiam li povos denove doni ĉiam pli valorajn pruvojn de genieco, ĉiam pli kaj pli plenumi la taskon, por kiu li estas naskita . . .

U. E. A. estas nur produktaĵo de la Esperanto-movado, ne la Esperanto-movado mem, kiu estas internacie organizota; ĝi estas la fabrikaĵo, ne la fabriko pligrandigota; ĝi estas la libro, ne la verkisto pliperfektigota. Ĝi ĉesu uzigi sin kiel ludpilkon, per kiu oni klopodas renversenĵeti la organizan demandon, por haltigi tiel la naturan evolucion de la Esperanto-movado.

***

2-e La dua ĉefa krimo, pri kiu oni kulpigis min, estas mia peto al la Majstro, konigi lian deziron pri la organiza demando. Li certe kun interesiĝo estas leginta ĉion, kion oni skribis pri la demando, kaj la grandega plimultego ege deziras scii la opinion de la Majstro. Ĉar li mem iniciatis la demandon, li ne povas tute silenti pri sia propra projekto, tiom kritikita kaj priparolita de post la Antverpena Kongreso.

Ho ne! li nepre devas silentadi, kaj pro tio oni *„plej energie protestis"* kontraŭ mia invito al la Majstro!!

Kompreneble ĉiu senbarba Esperantisto rajtas skribi artikolojn pri la afero; ĉiu samideano de post unu jaro rajtas presigi sian saĝecon; nur la Majstro silentu! Li, kies tuta vivo estas tiom kunligita kun la Esperanto-afero, ke tiu lasta simple ne estas pensebla sen li, li silentu! Li, (kiel mi skribis) „al kiu Esperanto estas la plej kara, kiu pleje deziras ĝian bonfarton kaj sukceson", nepre silentu, dum aliaj rajtas altrudi al la Esperantistaro eĉ opiniojn, kiuj povas malutili al Esperanto. Li, kiu iniciatis la organizan demandon, kies projekto estis principe akceptita dum

„La Sepa", silentu, dum personoj, kiuj kontraŭagadas lian projekton kaj la decidojn de La Sepa, libere parolu! Ĉiu Esperantisteto rajtas diri sian opinion, nur D-ro ZAMENHOF ne: oni rifuzas al li eĉ la plej simplajn rajtojn de la unuavenonta Esperantisto!

Vere, kion pensi pri la psika stato de tiaj personoj, kiuj protestas tiel neracie kaj malsaĝe? Ili estas tiel blindigitaj per propra amo por sia persona privita opinio, ke ĉio, kio ne konformiĝas je ĝi, nepre kaj perforte estas subpreminda.

3-e Oni klopodis motivigi sian proteston pri mia invito al la Majstro: „Ĉu serioze vi skribis la frazon: „ la klare „esprimita deziro de nia Majstro, lasante ĉiujn **liberaj (?)** „por decidi" — ĉu poste ni estos vere liberaj?"

Jes, sinjoro, tre serioze. Unue la sperto montris, ke, spite la klare esprimita deziro de nia Majstro, la Esperantistoj tamen *libere* defendas opiniojn tute kontraŭajn al tiu deziro (kaj la Majstro estos la lasta por ne bontrovi tion, ĉar li ĉiam aldonas emfaze, ke li nur diras sian *personan* opinion, kiun li volas altrudi al neniu). La samon ni spertis denove rilate al la organiza demando. La sperto instruas, ke ni sentas nin pleje liberaj, ĉar post La Sepa la longeco de artikoloj *kontraŭ* la propono de D-ro ZAMENHOF superas tre multe la kelkajn artikolojn *por* ĝi. Kaj la „plej energie protestanto", kiu uzis mem tiun liberecon per ĉiumonataj artikoloj *kontraŭ* la „klare esprimita deziro" de D-ro ZAMENHOF, pruvas per tio la naivecon, se ne nesincerecon, de sia supra demando.

Jes, Sinjoro, tre serioze. Ĉar due nuntempe oni tute ne estas libera. La Esperantistaro legis post La Sepa tiom da longaj kaj ĉiumonate denove pli emfazaj artikoloj kontraŭ la Internacia Organizo, ke vere multaj el ili, precipe la novaj Esperanlistoj, estas tre unuflankece influataj kaj devas ekdubi, ĉu ne la Int. Org. estus infera elpensaĵo. Plie multaj Esperantistoj legas nur unu aŭ du Esperanto-gazetojn; kiam ili nun abonis precise tiujn, kiuj kontraŭbatalas la Int. Org., kaj kiuj tre partie enpresas el aliaj Esperanto-

gazetoj ĉiujn artikolojn kontraŭ la I. O., silentadante pri ĉiu artikoleto favora al la I. O. — ĉu tiuj Esperantistoj vere estas „liberaj"? Ĉu post la amasego da kritiko kontraŭ la propono, ne estus iomete dezirinde kelka respondeto de la proponinto mem? Ĉu ne la *plimultego* da Esperantistoj deziras — se ne postulas — tion?

Kiom „liberaj" la Esperantistoj estas nuntempe, pruvas la rimarkinda kaj instrua fakto el *„La Holanda Pioniro"*. Ĉu ne ŝajnas, kvazaŭ la Nederlanda delegito por „La Oka" donas mandaton al la Nederlandaj Esperantistoj („Tiel estu!"), anstataŭ ke tiuj ĉi donu mandaton al la delegito? Ĉu ne karakterizas la vortoj de S-ro VERMAAS, kiu ŝajnas tute forgesinta la proponon de D-ro ZAMENHOF kaj la decidojn de „La Sepa", kaj kiu per ekskluziva legado de kontraŭ-artikoloj, en sia kvalito de „rajtigita delegito", siavice „libere" influas siajn mandatdonontojn?

Jes, Sinjoro, tre seriose. Ĉar trie kion mi proponis, tio ne estas ordono de la Majstro, nek „ultimato", nek difinita sistemo, nek ellaborita plano, nek tutpretigita regularo, sed nur esprimo de deziro, de vidpunkto, por ke al la unuflankece prilaborita publiko la Majstro donu „vojmontrilon, „por ke oni ne deflankiĝu de la vojoj, kiuj nur povas al- „konduki al al alsopirita celo: tutmonda organizo, sendan- „ĝera por nia movado mem." — Mi petis do, ke nia Majstro evitigu nin vojerari, kaj eĉ mi parolis pri *vojoj*, kaj ne: vojo; pro tio mi petis nur ĝeneralan vidpunkton, lasantan ĉiujn liberaj eniri *unu el la vojoj*, kiuj povas alkonduki al la celo.

4-e. Oni motivigis sian proteston ankaŭ per la aserto, kiu cetere estas refutata de la 25-jara historio de Esperanto, ke nia Majstro .... ne estus „praktika" homo; almenaŭ — kiel oni sofisme rezonas — li ne havas praktikan juĝon pri aliaj aferoj krom lingvaj aferoj, kaj la afero pri Internacia Organizo estas „politika" afero! — Vere, tiu aserto pri nepraktikeco de nia Majstro, kaj pri la „politika" karaktero de la organiza demando, estas tro malgrandanima kaj ridinda por serioze priatenti. Ĝi montras nur, ke

la kontraŭuloj uzas ĉiajn rimedojn, por ke triumfigu — ne la Esperanto-movado — sed ilia mizera opinieto.

Efektive, festante la 25-jaran jubileon de Esperanto, kiu tra tiom da malfacilegoj kaj malhelpegoj ĝis nun estas venkinta, ni dankas tiun venkon — ne, triumfon nur al la *logikeco, praktikeco kaj modereco* de tiu genio, kiu definitive solvis la demandon pri lingvo internacia, unuvorte al la majstra konduko de la Esperanto-movado. La oran „mezan vojon" li ĉiam iris, kiel saĝulo evitante ekstremaĵojn, kaj tiel, nedifektan, li post 25 jaroj povas transdoni al ni la saman, tute neŝanĝitan lingvon de la broŝuro, aperinta 2 Junio 1887: „D-ro Esperanto. Lingvo Internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro". Kia mirindaĵo!.... Sed nun li silentu, la nepraktika homo.... pri demando, kiu tuŝas enkore la Esperanto-movadon.... pri afero, kiu estas eble decidonta pri la lingvo mem. Ĉar „neantaŭirado estas malantaŭirado", diras Nederlanda proverbo, kaj la Esperanto-movado ne povas esti haltigata per stoniĝo en naciaj kaj regionaj societoj; pro la vivo kaj triomfo de la lingvo mem, ĝia propaganda movado devas trakuri la evolucian vojon ĝis la fino; ĝi ne haltu duonvoje. Kaj ĉar multaj Esperantistoj ŝanceliĝas, ne sciante kion fari, kien iri, la majstro metu sur nian vojon vojmontrilon, por ke ni ne elvojiĝu, sed rekte kaj nedeflankiĝante iru ĉiam antaŭen ĝis atingo de la celo.

***

Ankoraŭ vorton pri „„sentimentala" bonkoreco, kiu ĉion „aprobas, ĉion laŭdas, ĉion akceptas kaj sisteme fermas la „okulojn antaŭ plej gravaj eraroj de eminentaj „amikoj", „k. t. p." — Vere, nia majstro estas pli ol „amiko", li estas *plej kompetenta* persono en sia propra afero, kies opinio almenaŭ ne estas malŝatebla, male, sen kies opinio pri tiel grava afero kiel la organiza demando ĉiu diskuto estas nekompleta. Almenaŭ lia opinio estas multe pli grava ol la opinio de tiu, kiu „plej energie protestis" pro mia invito al la Majstro. Se nia protestanto silentus, neniu plendus pro tio, male se nia majstro silentus, neniu estus kontenta, mankus io neforestebla.

Alia afero. Kelkaj bontrovis, akre ataki la „oficialajn instituciojn" de Esperanto. Ankaŭ S-ro HODLER bedaŭrinde donis pruvon esti tre partia kritikanto, kiu ni vidas la meritojn, sed nur la mankojn („*Esperanto*", 20 Aprilo: „Kion devas scii la Esperantistaro"). Mi ne volas defendi la atakitajn personojn kaj aferojn. Nur mi volas atentigi pri la vortoj de la antaŭparolo de nia Majstro dum „La Sepa" (vidu pli supre): „La aranĝo.... kiun mi proponis.... „donos al ni la forton de ordo kaj solidareco. La institu- „cioj, kiujn ni kreis, aŭ eble ankoraŭ kreos, ĉesos havi la „karakteron de ia privataĵo, kiun neniu subtenas kaj multaj „atakas. Ili havos rajton diri al la Esperantistaro: se ni „estas bonaj, respektu nin kaj subtenu nin; se ni estas „malbonaj, reorganizu nin aŭ forigu nin. Ĉiu Esperantisto „scios, al kiu plej alta instanco li devas sin turni, se tio „aŭ alia en la komun-esperantistaj aferoj ne plaĉas al li, „k. t. p."

Pro kio nun malhelpi la internacian organizon de la naciaj societoj, la kreadon de ordo kaj reguleco, la laŭregularan aranĝon de la aferoj? Vere U. E. A. komencas memmortigi sin, elirante tute el sia rolo kaj donante al si arbitre rajtojn, kiujn ĝi ne havas laŭ siaj statutoj mem: ĉu tiuj atakoj kontraŭ la Esperanto-aferoj estas la tasko de *nura* aplika Asocio? Ĉu tio estas laŭ ĝia celo (statutoj § 1)? Ĉu laŭ la celo de la kongresoj de U. E. A. (Regularo § 1)? Ĉu tiuj atakoj estas servoj de komerco, turismo, maraferoj, junuloj kaj studentoj, virinoj, laboristoj, interŝanĝantoj, k. t. p.? — Ni vere ne rekonas U. E. A., kiu miksis sin en aferoj, kiuj tute ne rigardas ĝin. Ĝi almenaŭ antaŭe ŝanĝu siajn regularojn kaj agadkampojn, kaj ne risku perdi sian seriozecon kaj nuran praktikecon. Ĝi ne malebligu la evolucion de la Esperanto-movado, de kiu ĝi dependas, dum la Esperanto-movado tute ne dependas de U. E. A., kvankam certe U. E. A. (almenaŭ ĝis nun) estas tre grava, private starigita organizaĵo, pri kiu ĉiu Esperantisto povas esti fiera.

***

Mi finas mian longan artikolon. Post la „tre energia protesto" mi sentis min devigata eldiri la pensojn, kiuj veki-

ĝis en mia kapo post longa observado de ĉio, kio moviĝis ĉirkaŭ la organiza demando.

Baldaŭ la Samideanaro denove kunvenos en Krakovo, por festi la arĝentan jubileon de Esperanto. Je tiu okazo oni starigu la organizan monumenton por honori nian Majstron kaj por postlasi daŭran rememoraĵon pri la festo al nia posteularo. Kaj kiam Esperanto ekzistos 50 jarojn, tiam oni festu, krom la oran jubileon de la Esperanto-movado, ankaŭ la arĝentan jubileon de okazintaĵo, kiu estas preskaŭ tiel same grava, kiel la enkonduko de Esperanto: nome la starigo de regule funkcianta internacia organizaĵo de la Esperanto-movado. Tio estu nia donaco al la Aŭtoro de Esperanto okaze de la 25-jara festo, donaco plej inda, plej honoriga, kaj certe plej kara al la Majstro. Kaj poste ni komencu novan epokon de sukcesoj kaj venkoj!

D-ro SMULDERS.

P.S. Mi ĵus ricevis la Junian n-on de *The British Esperantist* en kiu oni povas legi tre senpartian resumon de ĉiuj opinioj kaj vidpunktoj de la Esperantistoj rilate al la ĝenerala organizado de la Esperantistaro. Oni nepre devas legi tiun resumon.

Ĉar la Komisio, elektita dum La Sepa (vidu pli supre) ne prezentis tri monatojn antaŭ La Oka Kongreso planon pri la ĝenerala organizaĵo, kaj do ne donis al la Esperantistoj tempon por funde kaj serioze esplori kaj studi tiun planon k. t. p., la konsilantaro de la Brita Esp. Asocio rekomendas al siaj delegitoj, ke oni resendu la tutan demandon al la Naŭa Kongreso en 1913. La B. E. A. opinias, ke oni devus por La Oka elekti delegitojn, same kiel oni elektis delegitojn por La Sepa laŭ metodo originale proponita de D-ro ZAMENHOF, *sen kiu ajn pago de kotizo*. Oni legu la motivigo en *The British Esp*. mem.

Ĉiuokaze la Jubilea Kongreso almenaŭ principe decidu kaj ebligu la definitivan starigon de internacia organizaĵo en 1913. Oni memoru, ke Krakovo ne estu malgoĵa batalkampo por malamikoj, sed gaja festeno por samideanoj. La Oka ne estu amar'iga, sed am'ariga. D-ro S.

## Pri Internacia Organizo.

Kara Redaktoro kaj tre ŝatata Amiko.

Vi petas al mi legi atente la kelkajn vortojn, kiujn vi skribis en viaj bibliografiaj notoj, en la Majo N-ro de E. K., pri la organizo internacia de la Esperantista movado, kaj poste, sciigi al vi mian sinceran opinion pri tiuj notoj. Laŭ mi, kara Redaktoro, vi tre saĝe kaj tre modere esprimis vian personan opinion pri temo, kiu iom maltrankviligas la spiritojn de multaj Esperantistoj. Sen proponi unu definitivan solvon, vi tamen esprimis la deziron aŭskulti la opinion de ĉiu grava aŭtoritato en la Esperantistaro, kaj, tutkompreneble, kaj eĉ antaŭ ĉiu, vi dezirus scii la opinion de nia kara Majstro Dr. ZAMENHOF. Vi neniel prezentis la Majstron kiel definitivan juĝiston; Vi bone scias, ke li mem absolute rifuzas kaj ĉiam rifuzis tian rolon en la homara movado, kies li estas la iniciatoro. Sed vi opinias kaj mi ankaŭ opinias, ke estus vere ne inde, diru ni pli vole *ridinde*, inviti ĉiun, eĉ la plej junan samideanon esprimi sian opinion pri tiu grava demando, kaj rifuzi konsideri aŭ eĉ aŭskulti la opinion, tute ne de Estro de Esperanto, (Esperanto ne posedas Estron) sed de la plej lerta, la plej sindona kaj samtempe la plej modesta el la Esperantistoj t. e. la D-ro L. ZAMENHOF. Ni ne konsideras lin kiel neerareman juĝiston, tute ne, tio estus grave ofendi lian modestecon, sed se D-ro ZAMENHOF ne estas neerarema, ne forgesu la vortojn de Mark PATTISON, Oksforda Profesoro, parolante al siaj studentoj: „Sinjoroj, neniu inter ni havas la senerarecon, ne eĉ la plej juna". Aŭskultu ni la opinion de ĉiu, *eĉ de D-ro Zamenhof.* Kiel vi bone diras: la esprimo de tiu opinio lasos ĉiun libera por decidi kaj por formi prudentan juĝaĵon. Persone, mi tre ŝatas aŭskulti la diversajn opiniojn. Ŝajnas al mi, ke *ia* internacia organizo de la *ĉefaj* naciaj propagandaj societoj povus ofte multhelpi nian tutmondan propagandon, kaj kiel vi tre prave skribis, al mi: „La internacia organizo ne ŝanĝus sian karakteron, ĉu 10, 20, 30 aŭ 100 da diversaj naciaj asocioj estus internacie organizitaj."

Sed mi aldonus, ke kompreneble, ju pli la internacie organizataj societoj estus pli multnombraj, des pli ilia internacia organizo estus pli grava, kaj sukcesplena.

Sed, permesu al mi nepre protesti kontraŭ la trouzo de la vorto la „*Esperantistaro*'', trouzo kiu, laŭ mi, estas la kaŭzo de la tuta disputo inter lojalaj Esperantistoj, kiuj nur deziras interkonsenton. Kompreneble la komitato internacia, kiu konsistus el rajtigitaj delegitoj, elektitaj de la grupoj, kiuj estas enskribitaj en la Registro de la Centra Oficejo kaj kiuj konsentis pagi la ĉiujaran kotizaĵon, tute ne estos la Reprezantantaro de la *tuta Esperantistaro*. La tuta Esperanistaro estas la sumo de ĉiuj geesperantistoj, kaj estas esperantisto ĉiu homo, kiu scias Esperanton kaj ĝin uzadas por iu ajn celo. Neniu, krom Dio, scias la nombron de la Esperantistoj, el kiuj mi ne dubus la granda plimulto pro diversaj kialoj ne aliĝas al iu ajn grupo. Sed plue, la proponita Komitato de rajtigitaj delegitoj eĉ ne reprezantos ĉiujn propagandajn societojn. Laŭ mia propra sperto, ekzistas en diversaj landoj malgrandaj, sed tre agemaj grupoj kaj grupetoj, kiuj, por diversaj kialoj, ne aliĝis al iu ajn nacia organizo, kaj ne enskribiĝis ĉe la Centra Oficejo.

Mi ne diras tion, por iel malestimi la proponon pri internacia organizo, sed, se ni volas eviti estontajn, malfacilaĵojn, ni ne uzadu nekorektajn esprimojn, kontentigu nin paroli pri la rajtigitaj delegitaj de la *ĉefaj propagandaj societoj*, ne de la tuta Esperantistaro. Ni povos esti jam tre kontintaj, se ni povus prezenti al la mondo, ekzemple, Internacian Komitaton enhavantan rajtigitajn delegitojn de kvincent grupoj el 30, 40 diversaj landoj. Jen reprezentantaro, kiu ne celas altrudi leĝojn al la tuta Esperantistaro, sed nur helpi al la internacia propaganda movado. Jen, mi ne dubos, la vera deziro, la vera cela de ĉiu lojala Esperantisto, jen bona kaj sufiĉa internacia organizo.

Kara Redaktoro kaj Amiko
tutkore via en Jezu Kristo
Austin RICHARDSON L. K.
Prezidanto de la I. K. U. E.